# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 01/01/2015 Cent naŭdek oka eldono 01/01/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

## 52. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### LA MODOJ DE LA VERBO. Ĉ.



Krom la tri precipaj modoj de la verbo, esprimataj por la faktoj per la finaĵoj –as kaj –is kaj –os, do la indikativo, kaj per "-u" por la dezirataj faktoj, do la volitivo, kaj per "-us" por la imagataj agoj, do la fiktivo, modojn oni povas ankaŭ esprimi per modaj helpverboj anstataŭ per finaĵoj.

La tri precipaj estas povi, devi, kaj voli. Ili estas netransitivaj, do oni ne povas diri "Mi volas trinkaĵon". Ili ĉiam uzatas kun infinitivo, ekz. "Mi volas trinki", sed krome oni rajtas uzi ilin kun la pronomoj tio kaj kio, kiuj ja anstataŭas substantivon kaj propozicion KAJ infinitivon. Ekz. "Ni povas iri glitkuri" kaj "Ĉu vi volas tion (= glitkuri)?". Se vi deziras uzi objekton, vi devas anstataŭigi la helpverbon per alia verbo, ekz. "Mi kapablas pri glitkurado" aŭ "Mi deziras trinkaĵon" aŭ "Mi bezonas asekuron por la vojaĝo".

Ĉar la modaj helpverboj estas netransitivaj, ili ne povas uzati en la pasivo nek en la medialo.

Oni erare nomas helpverboj la transitivajn verbojn kiuj ĉehavas infinitivon: "Mi ŝatos viziti Njuzelandon", en kiuj kazoj la infinitivo simple estas la objekto de la transitiva verbo.

Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Mi ne konsentas kun Marcel. Oni ja rajtas diri "Mi volas trinkaĵon". Vidu la ekzemplon *"volus kato fiŝojn"* en http://vortaro.net/#voli Voli estas klare transitiva verbo en PIV. Ankaŭ en PMEG voli estas transitiva *"Mi ne **volas** tiun ĉi supon, donu al mi alian."*
http://bertilow.com/pmeg/gramatiko/gravaj_verboj/povi_devi_voli/voli.html de Nicole

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

http://aea.esperanto.org.au/congress **Venu !** Mi iros ĉi-vespere trajne Roger

## La Esperanto-Doma Gastdormeja Novaĵo.



Ilia Dewi el Indonezio alvenis je la 29a de decembro kaj restos ĝis la 1a de Januaro.
Indrani BeharryLall el S.Aŭs. alvenis Dec.30 kaj foriros Jan. 2.
Jesa (Hyon-suk) KAJ koreinoj restos ekde la 17-a ĝis la 23-a de januaro.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al LA SEKRETARIO per retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au; Dankon.

Ĉu iu leganto povus viziti, ĉiĉeroni, helpi la gastojn? Sendu retmesaĝon al rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au por plusendo al la gastoj.



## Esperanto-Domo Sidnejo

Merkredon la 31an de dec venis Roger Springer kaj Margaret Chaldecott kiuj laboris farante ĝeneralajn oficejajn/domajn taskojn kaj Ian Wylles helpis en la arĥiva ĉambro kaj je komputila problemo.

**La Novaĵletero** Demandu viajn amikojn Ĉu ili ricevas 'la Aŭstraliaj Esperantistoj'on. Se ne, informu viajn Esperantistajn amikojn ke por ricevi AE ili nur bezonas sendi al mi sian retadreson. rogerspringer@tpg.com.au

Ilia bone alvenis en Sidnejo la 29an de decembro.





# Reĝustigo

En la n°196 de la Aŭstraliaj esperantistoj, Heather Heldzingen raportis pri la zamenhofa festo en Melburno. En tiu raporto John Coogans estas prezentita kiel unu el miaj lernantoj. Tiuj, kiuj konas lin certe miras pri tio.

John ne bezonas mian instruadon, li estis junulo kiam li esperantiĝis en sia naskiĝlando , Skotlando, kie li ankaŭ aktivis.

En la 1990aj jaroj, kiam mi ekloĝis en Melburno, li pli ofte ol nun ĉeestis la eventojn de la movado.

Nuntempe li instruas la lernantojn de Esperanto, kiuj studas la lingvon kun mi, kiam mi estas for en Eŭropo dum la vintraj monatoj.

Franciska Toubale

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-12-18 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (29/12/2014) ĉeestis:

Esther, Heather, Indrani, Jonathan, Margaret kaj Sandor

Kompreneble, la ĉefa temo estis nia

*** VENONTA KONGRESO EN 2015 EN MELBURNO EN JANUARO**

- Teofilo el Orienta Timoro – Heather aĉetis lian bileton kaj li vere venos.

- La programo estas pli aŭ malpli preta. Bonvolu rigardi ĝin en nia retejo . . . kaj ankoraŭ eblas prezenti ion⋯.

- Ni ankaŭ diskutis nian jarraporton kaj finskribis ĝin. Bv legi ĝin en nia retejo, se vi volas. Partoprenu la diskuton dum nia jarkunveno, sabaton posttagmeze. (3/1/15)

Kaj ankoraŭ eblas aliĝi al la kongreso: [aea.esperanto.org.au](aea.esperanto.org.au)

LA ESTRARO ANTAŬĜUAS VIDI VIN EN MELBURNO DUM NIA KONGRESO.

# Film-farado | Intervjuo kun Nicole Else



Intervjuita per Richard Delamore [Acting Australia](http://www.actingaustralia.com.au/eo/film-farado-intervjuo-kun-nicole-else/)

http://www.actingaustralia.com.au/eo/film-farado-intervjuo-kun-nicole-else/

Saluton Nicole, dum longe vi estis Esperantisto kaj filmfaranto de edukaj filmoj en Esperanto. Ĉu vi povas klarigi kial vi esperantiĝis kaj kial vi ŝatas ofte prilabori film-projektojn?

Multaj esperantistoj lernis Esperanton kiam ili jam estis plenkreskaj aŭ almenaŭ adoleskantoj. Por mi ne estis same, ĉar mi naskiĝis en familio de esperantistoj. Miaj gepatroj, geavoj kaj 2 onklinoj jam estis esperantistoj. Kiam mi estis 6-jara miaj gepatroj feriis en la kastelo Gresillon en Francio, kie okazis Esperanto-kursoj. Miaj gepatroj pensis, ke mi estis tro juna por ĉeesti kurson, ja ne temis pri kurso por infanoj, sed mi insistis ke mi volas ĉeesti kaj ŝajne tio bone funkciis, sed verdire mi ne bone memoras. Mi lernis Esperanton probable simple por ne enui, ĉar en tiu kastelo okazis kursoj nur pri Esperanto, do ne vere estis elekto. Mi povis partopreni en kurso aŭ ne partopreni kaj probable enui. Miaj gepatroj ofte havis eksterlandajn gastojn do mi sufiĉe ofte aŭdis Esperanton. Kiam ne estis gastoj mia patrino parolis germane kun mi kaj mia patro france. Poste mi multe vojaĝis tra Eŭropo kaj ĉeestis multajn Esperanto-renkontiĝojn, kongresojn kaj ankaŭ uzis la pasportan servon en Hungario kaj Skandinavio.

Pri filmoj mi ŝatas krei filmetojn por infanoj, vidu ekzemple "Playmobil", tamen ankaŭ simple doni novaĵojn pri esperantaj eventoj "Zamenhof-festo 2011", ankaŭ mi ŝatas intervjui esperantistojn ekzemple Katalin Kovats "ILEI konferenco Katalin", Heidi Goes aŭ Max Wearing. Mi ankaŭ provis krei filmeton 15 minutan kun aktoroj. Sed tio estis la plej malfacila ĉar necesis trovi aktorojn kiuj havas liberan tempon samtempe. Ĝi estis interesa sperto. Tamen mia prefero estas krei filmetojn por lerni Esperanton. Mi studis kurson en TAFE kaj unu el la instruistoj iomete helpis min por krei la animacion je la fino de tiu filmeto "Infankanto pri vestaĵoj en Esperanto"

## La esperantigo de BookBox filmoj estas unu el la projektoj, kiujn vi lastatempe multe prilaboris. Kiel vi konatiĝis kun BookBox kaj kiel vi ricevis la traduk-rajton de iliaj filmoj.

Iam en 2010 mi serĉis en Youtube infanrakontojn en la rusa kaj hazarde trovis Bukboks. Plaĉis al mi ke la samaj rakontoj estas spekteblaj en pluraj lingvoj. Do se vi malmulte komprenas unu lingvon, vi povas elekti alian kaj povas kompari la du versiojn. Krome dum vi aŭskultas la rakonton, videblas subtekstoj en la sama lingvo. Tio multe helpas al lernantoj de fremdaj lingvoj, ĉar ofte ni ne aŭdas nekonatan vorton sufiĉe klare por scii kiel literumi ĝin por kontroli la signifon en vortaro.

En la ĉefpaĝo (BookBox.com) estis butono kun funkcio: aldonu plian lingvon. Post klako estas klarigo, ke ili serĉas volontulojn por traduki kaj legi la rakontojn de Bukboks en iu ajn lingvo. Jes, mi proponu Esperanton – mi tuj decidis ne imagante, ke mi pasigos tiom multe da tempo

ĉe tiu projekto. Mi rapide ricevis respondon, ke ili ja ŝatus ke mi traduku rakonton al Esperanto. La unua rakonto, kiun mi tradukis estis La unua puto, rakonto pri homoj kiuj ankoraŭ neniam vidis glacion.

## Kompreneble tradukado kaj poste voĉregistarado de BookBox filmoj ne estas facila tasko. Ĉu vi povas klarigi al ni la proceson, kiun vi uzas?

La rakontoj ja ne estas tre longaj, do mi pensis ke estos mallonga tasko, sed finfine mi faris multon pli ol nur traduki. Unue necesas sendi la tradukon al provleganto, studi la etajn ŝangojn kiujn li proponas, decidi kiujn akcepti, kiujn malakcepti. Kiam la traduko pretas necesas dividi la tekston en pecetoj, kiuj povas esti sur unu ekranbildo. Poste mi provis trovi personojn kiuj pretas laŭtlegi. Necesis doni al ili instrukciojn, poste mi devis kontroli la laŭtlegadon. Ofte la laŭtlegantoj tamen iomete eraras kaj ne legis precize tion kio estis en la teksto, do necesas peti ke ili rekomencu, rekontroli, ktp. Kiam tio pretas, mi sendas la sondosieron al Bukboks. Ili kontrolas kaj estas tre striktaj pri bruoj dum la registro. Do sufiĉe ofte okazis ke kvankam la legado estis bonega, mi tamen devis peti refari la laboron pro iuj bruoj dum la registrado. Unu esperantistino plurfoje provis, sed ĉiam iu el ŝiaj najbaroj iel bruis kaj mi devis rezigni pri ŝi. Kiam la sono pretas mi kontrolas la tutan filmon. Multaj laŭtlegantoj "laboras" iom malrapide kaj do ofte Bukboks petas min rekontakti la leganton por ke li ne forgesu sian promeson laŭtlegi. Do la kunordigado estas sufiĉe temporaba.

## Kio estas la plej granda malfacilo, kiun vi renkontis ĝis nun rilate al preparado de BookBox filmoj?

Plej malfacile estas trovi la legantojn ĉar ne multaj kapablas registri sen bruoj.

## El ĉiuj BookBox filmoj, kiu estas via plej ŝatata?

Mikelo la sitelo estas ĉarma rakonto. Mikelo havas truon kaj do sentas sin malutila. Neniu volas sitelon kun truo, sed finfine knabineto trovas bonan uzon por li kaj Mikelo povas ree sperti feliĉon.

## Krom BookBox filmoj, kiujn aliajn projektojn vi prilaboros?

Mi ŝatus iam filmi junajn infanojn kiuj lernas Esperanton, ekzemple filmi ilin ludante ludon kun ĵetkuboj por ekzerci la nombrojn, kolorojn, bestonomojn, ktp, sed momente mi ne konas infanojn kiuj ŝatus esti filmitaj. Mi jam verkis unu libron pri fremdaj lingvoj "Foreign languages: What they don't often tell you", mi deziras verki duan en la angla lingvo por infanoj. La celo estas helpi pli bone kompreni kiel funkcias la angla lingvo per komparo kun Esperanto. Mi

klarigos kelkajn aferojn pri Esperanto, sed ne temos pri kurso ĝi nur montros kelkajn ecojn kaj komparos kun la angla lingvo.

## Ĉu vi havas konsilojn por la estontaj filmfaristoj?

Grava tasko estas kunmeti multajn diversajn filmitajn partojn en unu pli longan filmon. Do necesas lerni kiel uzi tiajn programojn. Kelkaj kursoj povas esti ege multekostaj, sed se vi pretas mem lerni rigardante videojn mi konsilas la retejon lynda.com Tie troviĝas multegaj kursoj. Necesas iom pagi, $25/monate

## Se oni deziras kunlabori kun vi, kio estas la plej taŭga maniero kontakti vin?

Sendu retmesaĝon: nicole@cryogenic.net

## Ĉu ĉi tiu intervjuo plaĉas al vi?

Se jes, diskonigu ĝin al ĉiuj viaj amikoj, kaj informu ilin pri Esperanto-TV.

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj<br>**Listigitaj en la AEA ret-paĝoj kaj Aliaj** | Vidu AE184 | Vidu AE185 | Vidu AE186 | Vidu AE187 | Vidu AE188 | Vidu AE189 | Vidu AE190 | Vidu AE191 | Vidu AE192 | Vidu AE193 | Vidu AE194 | Vidu AE195 | Vidu AE196 | Vidu AE197 | Vidu AE198 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **AEA informas** | | AE185 | | AE187 | | AE189 | | AE191 | | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | | AE198 |
| **Brisbana Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | | | | |
| **Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | | | | |
| **Centra-Marborda Esperanto-Klubo** | | AE185 | AE186 | AE187 | | | | AE191 | | | | | | | |
| **Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio** | AE184 | AE185 | | AE187 | | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | |
| **Esperanto en Sudaŭstralio** | AE184 | | | | | AE189 | | AE191 | | | | AE195 | | | |
| **Esperanto-Federacio de Viktorio** | | | | | | | | | | | | | AE196 | | |
| **Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero** | | | | | | | | | | | | | | | |
| **Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio** | | | | | | | | | AE192 | | | | | | |
| **Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia** | | | | AE187 | | | | | AE192 | | | AE195 | | | |
| **Manlia Esperanto-Klubo** | AE184 | AE185 | AE186 | | AE188 | | AE190 | | AE192 | | AE194 | | | AE197 | |
| **Melburna Esperanto-Asocio** | | | AE186 | | AE188 | AE189 | | AE191 | | | AE194 | | AE196 | | |
| **Melburna "Meetup" Grupo** | | AE185 | | | | | | | | | | | | | |
| **Tasmania Esperanta Societo** | | | | | | | | | | | | | | | |
| **Toowoomba Esperanto-Societo** | | | | | | | | | | | | | | | |
| **Torkia Esperanto-Kafo-Klubo** | | | | | | | | | | | | | | | |

**Informu AE se la listo eraras rspring@tpg.com.au**

**Sendu informon pri via klubo**

Estigu parto de la estonta historio de Esperanto ĉe Aŭstralio